# juna amiko

Numero 70

94/3

Internacia Kvaronjara Lernejana Esperanto-Revuo







# ilei

INTERNACIA LIGO de ESPERANTISTAJ INSTRUISTOJ

Kiam ni kontrolis la envenintan poŝton por *Juna amiko*, post niaj someraj forestoj, ni trovis nur monteton. Kial? Ni supozas, ke la plimulton de la legantoj ne havis tempon skribi al ni. Ili ankoraŭ ne sukcesis fini la ludon, kiun ni prezentis sur ĉiu paĝo de nia antaŭa numero! Ĉu vere? Se iu grupo sukcesis ne nur ek-ludi ĝin sed ankaŭ fin-ludi ĝin, bonvolu raporti al ni pri tio. La redaktoro povus uzi la saman senkulpigon (klarigon, kial li estas senkulpa) pro la longa paŭzo inter la dua kaj tria numeroj de la revuo. Sed tio ne estus valida, ĉar li ĝis nun ne sukcesis organizi grupan ludadon de tiu 32-paĝa ludo.

La kialo fakte jam estis donita en numero 94/2. La redaktoro, la redakcia oficejo kaj maŝinoj devis translokiĝi, kaj eĉ nun post pluraj monatoj, ne estas taŭge funkciantaj en la nova loko. Tamen, la tradukado de la teksto por la nova vidbenda projekto 'Mazi en Gondolando' estas finita, ĉar tiu tasko ne bezonas tiom da maŝinoj. Ĉiu nubo havas arĝentan randon! Simile, la malfruo permesas al ni prezenti tri belegajn paĝojn kun desegnaĵoj de Pavel Rak sub la titolo 'Tendaraj Agoj.' Jes, temas pri suplemento al la unua kajero de *Tendaraj Tagoj*, por helpi al ĝi esti pli aktiva kaj verbo-centra. Vi memoras, ke nia gazeto ĉi-jare emfazas grupojn de verboj. Iuj por la nuna numero jam paradis kovrile, ceteraj aperos sur la posta paĝo.

En niaj mezaj paĝoj vi trovos varbilan flug-folion, kiun ni krom-presos en mil ekzempleroj, kune kun la enketilo pri lerneja instruado. Kiu volas anonci sin, varbi por ni novajn abonantojn, mendi librojn, bv. peti de ni ekstrajn ekzemplerojn! Ni provos aldoni kelkajn kun via revuo.

Memoru, ke la baza kotizo de 16 nederlandaj guldenoj (NLG) restas senŝanĝa jam dum tri jaroj! Kaptu la okazon mendi grupan abonon por 1995. Laŭ la deziroj el nia enketilo, ni prezentos grupajn ekzercojn kaj ludojn, laŭ la nuntempa moderna lingvo-instruado.

Nun pluen al puŝoj, tiroj kaj movoj — tuŝoj, ŝiroj kaj ŝovoj!

Saluto-ŝute!
Via redaktoro,

Stefan MacGill
5 okt. 1994.





**Juna amiko**
Internacia revuo por lerantoj de Esperanto
Aperas kvarfoje jare.
**Redaktoro:** Stefan MacGill
**Redakcia adreso:** pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario.
Nia konto ĉe UEA: juna-l (ĉefe por peranta uzo)
ISSN: 02301318

Informoj pri **abon-adresoj** kaj **kotizoj** aperas sur p. 16 kaj 27-28.

**Anoncoj:** *Kvaronpaĝo:* 400 HUF .por Hungario, 40 NLG aŭ kvar jarabonoj laŭ aliaj okcidentaj valutoj. *Duonpaĝo:* 600 HUF, 60 NLG aŭ 6 abonoj. *Tuta paĝo:* 800 HUF, 80 NLG aŭ 8 abonoj.

# Rikardo kaj la aŭtomato

Rikardo deziras ĉokoladon.
Li vidas maŝinon.
Li ŝatas aŭtomatojn.
Li uzos la maŝinon.
Li antaŭ-ĝuas la plezuron.
Li legas la instrukciojn:

**INSTRUKCIOJ**

1. **Trovu monujon**
2. **Elektu manĝaĵon**
3. **Puŝu butonon**
4. **Legu prezon**
5. **Enmetu monon**
6. **Malfermu pordon**
7. **Elprenu manĝaĵon**
8. **Ĝuu agrablan tagon!**

Rikardo trovas sian monujon.
Li jam elektis manĝaĵon.
Li deziras ĉokoladon.
Li puŝas la ĉokolado-butonon.
Li legas la prezon.
La prezo konsternas lin.

Li malfermas sian monujon.
Li serĉas monerojn.
Li kalkulas la sumon.
Li enmetas monerojn.
... La maŝino faras nenion.

Rikardo malfermas la pordon.
Li enmetas sian manon.
Li sentas nenion.
Li puŝas la butonon denove.
Li puŝas ĝin tri-foje.
... La maŝino faras nenion.

Rikardo faras ion.
Li tiras sian hararon.
Li riproĉas la maŝinon.
Li batas ĝin.
Li batas ĝin denove.
Li batas ĝin tri-foje.

La maŝino faras ion.
Ĝi faras bruon.
Ĝi donas ion.
Rikardo malfermas la pordon.
Li enmetas sian manon.
Li sentas ion.
Li elprenas sandviĉon.

Li forlasas la maŝinon.
Li pensas:
"Jen progreso!
Morgaŭ mi revenos
kaj elektos sandviĉon!"




Stefan MacGill


Karlo staras
Tendo kuŝas
TENDARAJ AGOJ
Karlo estas tendarano. Estas la unua tago de la tendaro. Karlo loĝis dum la tuta vivo en urbo en granda domo. Neniam li loĝis en vilaĝo aŭ kamparo. Li neniam partoprenis en tendaro. Li neniam vidis tendon antaŭe. Li demandas al Mateo, kio estas tendo.
Kio estas tio?
Tio estas tendo.
Tendo?
Jes, tendo!
Kio estas tio?
Tio estas stango.
S.....?
Jes, s.....!
Kio e.... tio?
Tio estas ŝnuro!
Ŝ....?
Jes, ......!
Kio e.... t..?
Tio estas ŝtofo.
Ŝ....?
J...
K.. e.... t..?
Tio e.... najlo.
N....?
J...
K.. ...... ...?
T.. ....martelo.
M.....?
J...


Kio........?
T.......p.....
P.......?
J...
PLANO
unu martelo
du stangoj
kvar ŝnuroj
dek du najloj
1. Prenu stangon
2. Ligu ŝnuron
3. streĉu ŝtofon
4. Tiru ŝnuron
5. Levu martelon
6. Tenu najlon
7. Svingu martelon
8. Batu najlon
Karlo prenas stangon
Ligu la ŝnuron!
Karlo ligas la ŝnuron
Ni streĉu la ŝtofon!
Mateo kaj Karlo streĉas la ŝtofon
Mateo staras
Karlo staras
Bovino kuŝas
Puŝu la bovinon!
Karlo puŝas la bovinon
MUU


Tiru la ŝnuron
Karlo tiras la ŝnuron
Levu la martelon!
Karlo levas la martelon
Tenu la najlon!
Karlo tenas la najlon
Sv.... la m.......!
Li svingas la martelon
B... la n.....!
AŬU
Li batas la najlon
... kaj du fingrojn!
Mateo helpas
Ili prenas du stangojn
Ili ligas kvar ŝnurojn
Ili batas dek du najlojn
.... kaj ses fingrojn...
FINE, LA TENDO STARAS
Kaj Karlo kuŝas!

# *Dialoge — verve kaj verbe*

Sur la antaŭaj tri paĝoj Karlo kaj Mateo uzis multajn verbojn kaj fine sukcesis starigi tendon. En via kurso vi povas uzi multajn verbojn — aktive kaj verve. Arigu sur-table antaŭ vi kelkajn objektojn: librojn, krajonojn, rubandojn, ludilojn, bildojn kaj tiel plu. Uzu la verbojn el la rakonto: *preni, tiri, levi, teni, svingi, ligi, streĉi, bati -ON.* Aldonu aliajn utilajn verbojn, ekzemple: *fermi, malfermi, tuŝi, montri, ruli, movi, skribi, desegni -ON.* Jen kvin ekzerco-formoj, de plej facila ĝis plej interesa:

❶ Gvidanto donas ordonon al Lernanto unu (L1). Tiu plenumas (faras) ĝin kaj diras, kion li aŭ ŝi faris:

*Gvidanto al L1:* Prenu la libron!
*L1:* Mi prenis la libron.

❷ Gvidanto donas ordonon al L1. Tiu plenumas ĝin kaj diras, kion li aŭ ŝi faris. Poste la gvidanto demandas al L2, kion faris L1. L2 respondas:

*Gvidanto al L1:* Rulu la krajonon.
*L1:* Mi rulas la krajonon.
*Gvidanto al L2:* Kion ŝi faras?
*L2:* Ŝi rulas la krajonon.

❸ Gvidanto donas ordonon al L1. Tiu plenumas ĝin kaj diras, kion li aŭ ŝi faris. Poste la gvidanto petas al L2 demandi al L3, kion faris L1.

*Gvidanto al L1:* Streĉu la ŝnuron!
*L1:* Mi streĉas la ŝnuron.
*Gvidanto al L2:* Demandu al L3, kion faris L1!
*L2:* Kion li faris?
*L3:* Li streĉis la ŝnuron.

❹ Gvidanto petas al L1 doni ordonon al L2. L2 plenumas ĝin, diras kion faris. Gvidanto petas al L3 demandi al L4, kion faris L2.

*Gvidanto al L1*: Donu ordonon al L2!
*L1:* L2, montru vian langon!
*L2:* Blaaahhhh! Mi montris mian langon.
*Gvidanto al L3:* Demandu al L4, kion faris L2.
*L3 al L4:* Kion ŝi faris?
*L4:* Ŝi montris sian langon!

❺ Por la kvina ekzerco, unu lernanto prenas la rolon de la gvidanto, kiu ripozas kaj nur aŭskultas! *Provu tiajn dialogetojn!*

# PUŜ-TIR-TRAJNOJ




**Puŝ-tir trajno?**

**Tio sonas strange! Kio ĝi estas? Mi klarigos:**

Tradicia trajno konsistas el lokomotivo kaj kelkaj aŭ multaj vagonoj. La lokomotivo tiras la vagonojn. Sed tio havas malavantaĝon, se la trajno devas regule ŝanĝi direkton. Ekzemple, ĝia vetur-vojo estas nelonga kaj ĝi volanas (iras tien-reen, kiel volano en sport-ludo) inter du proksimaj urboj, aŭ se en pli longa vojaĝo, ĝi devas pasi tra kap-stacio kaj tie ŝanĝi direkton. Ekzemplo de tio estas la ĉiu-horaj rapid-trajnoj inter Amsterdamo (Nederlando) kaj Bruselo (Belgio). Ne nur ili devas ŝanĝi direkton en la fin-stacioj ĉiun duan horon, ili devas ŝanĝi direkton ĉiam en Antverpeno, kiu estas kap-stacio. Ja estas plano konstrui novajn subterajn stacidomon kaj linion sub la urbo por permesi al trajnoj (inkluzive de la rapideg-trajno TGV) rekte kaj pli rapide .pasi la urbon.

Kun tradicia trajno, ranĝistoj ĉe fin-stacio devas malkupli la lokomotivon, por ke ĝi pluiru, kaj poste ĉe ŝanĝ-trako reveni sur paralela trako por reveni al la alia fino de la vagonaro por esti tie rekuplita. Oni devas pagi tiujn ranĝistojn, la signalistojn kaj kondukistojn, kaj krome oni devas teni unu tutan stacidoman trakon libera, nur por la paso de la lokomotivo. Ĉe kapstacio necesas uzi duan ĉef-linian lokomotivon kaj kondukiston, aŭ ranĝ-lokomotivon por fortiri la vagonojn kaj liberigi la alvenintan lokomotivon.

Do, unu solvo por tiuj volan-trajnoj estas uzi motor-vagonarojn, ĉu dizelajn, ĉu elektrajn. Ili ne havas apartan lokomotivon; ĉiu vagono havas elektran motoron ĉe la radoj kaj la elektro venas ĉu de dratoj, ĉu de dizela motoro kun generatoro en unu el la vagonoj. La unua kaj lasta vagonoj havas kondukejon kaj la trajno povas iri egale bone ambaŭdirekte. Ĝi krome povas rapidiĝi (akceliĝi) tre rapide pro la multaj motoroj.

Sed por fervojoj kun granda var-trafiko, tiu solvo estas malpli ol perfekta. La plimulto de pasaĝeraj trajnoj (precipe volanaj) veturas tage,

dum la var-trajnoj veturas ĉefe nokte. Kun tradiciaj trajnoj, oni povas malkupli la lokomotivon de la pasaĝeraj vagonoj vespere kaj uzi ĝin dum la nokto por tiri var-trajnojn. Matene, ĝi reprenas la pasaĝerajn vagonojn. Kontraste, la multe-kosta motor-vagonaro devas kuŝi ne-uzata (aŭ esti purigata) dumnokte. Ĉiuokaze ĝiaj motoroj ne estas uzeblaj, kaj la fervojo devas aĉeti alian lokomotivon por la var-trajnoj.

**Do, oni inventis puŝ-tir-trajnojn.**

Ĝi konsistas el lokomotivo je unu fino de la trajno, sen-motoraj vagonoj meze, kaj unu speciala vagono ĉe la alia fino (kutime sen motoro) kiu havas apartan kondukejon. Foje tiu vagono havas lokon por pasaĝeroj, foje ĝi havas spacon por pakaĵoj kaj bicikloj. La kondukejo en tiu vagono estas ligita per dikaj kabloj tra ĉiu vagono al la lokomotivo, por ke la kondukisto povu de tie regi la lokomotivon, por rapidigi kaj bremsi la trajnon.

Do, la trajno povas ŝanĝi direkton sen la neceso malkupli kaj ranĝi la lokomotivon. Kiam la lokomotivo estas ĉe la kapo de la trajno, la kondukisto sidas en ĝi, kaj ĝi tiras la vagonojn. Kiam oni iras en la inversa direkto, la lokomotivo povas esti malplena — la kondukisto sidas en la kondukejo de la speciala vagono, kaj la lokomotivo puŝas la trajnon. Tiam, fine de la labor-tago, dum la sen-motoraj pasaĝeraj




**Antverpeno**

**Nova rekta tra-ira fervoj-linio.**

vagonoj ripozas kaj puriĝas, oni malkuplas la lokomotivon kaj forsendas ĝin labori ĉe var-trajnoj aŭ tiri long-distancajn dorm-trajnojn tra la nokto.

Multaj landoj uzas puŝ-tir-trajnojn. Kelkaj eĉ uzas ilin por pli long-distancaj rapid-trajnoj (ekzemple en Britio inter Londono kaj Edinburgo).

Do, se vi vidas trajnon rapide pasi vin kun sen-homa lokomotivo en la fino, ne timu! Ne estas fantom-trajno. Ĝi verŝajne estas puŝ-tir-trajno.

*Stefan MacGill*

---

1. Kiu estas la malavantaĝo de tradicia trajno por mallonga vojaĝo?
2. Donu ekzemplon de loko, kie trajnoj devas ŝanĝi direkton dumvoje.
3. Ĉu vi povas doni aliajn ekzemplojn de tio, eble en via propra lando?
4. Kiel precize oni ranĝas lokomotivon ĉe fin-stacio por la reira vojaĝo?
5. Nomu avantaĝojn kaj malavantaĝon de motor-vagonaroj.
6. Kiam oni kutime purigas pasaĝerajn vagonojn?
7. El kio konsistas puŝ-tir-trajno?
8. Kion povas transporti la speciala vagono ĉe la ne-lokomotiva fino de puŝ-tir-trajno?
9. Kie sidas la kondukisto de puŝ-tir-trajno kiam la lokomotivo puŝas la trajnon?
10. Kiu estas la avantaĝo de puŝ-tir-trajno kompare al motor-vagonaro por volana trafiko?
11. Kio estas volan-trajno? Ĉu tiuj trafikas en via lando?
12. Kiaj trajnoj trafikas apud via loĝ-loko — tradiciaj, motor-vagonaraj aŭ puŝ-tir-trajnoj? (Se vi ne scias, kontrolu!)
13. Ĉu vi povas nomi lokon, kie oni uzas puŝ-tir-trajnojn? Ĉu oni uzas ilin en via lando?
14. Se vi vidas trajnon kun lokomotivo sen kondukisto, pri kio verŝajne temas? Kaj malverŝajne?

NOTO: Pli frue ni nomis tiujn trajnojn, kiuj iras tien-reen pendol-trajnoj, ĉar ili kvazaŭ pendolas, kiel la pendolo de horloĝo. Sed nun ni havas novan generacion de trajnoj, kiuj helpe de sensiloj kaj komputiloj povas klini sin, kiam li atingas kurbiĝon. Tiel ili povas pli rapide trairi la kurbiĝon. La plej fama el tiuj trajnoj estas la itala 'Pendolino', do ni prefere nomu tiujn kliniĝantajn trajnojn pendol-trajnoj, kaj por la tien-reen trajnoj, ni prenu sportan metaforon (ideon). Ili volanas, same kiel la spac-volano, kiu iras tien-reen en kaj el la spaco.

# Puŝu, tiru, ligu, ŝanĝu...

*Puŝu, tiru, ligu, ŝanĝu,*
*Fervojisto vi ekestos*
*Du vagonojn vigle ranĝu*
*Vian lerton ni eltestos!*

Sufiĉe da poemoj! Nun, vi devos ekesti fervoja ranĝisto. Nenie la fervojo estas riĉa, kaj oni devas fermi multajn stacidomojn kaj simpligi la trakan reton por ŝpari monon! Vidu, vi ricevas la rangon (postenon) de ĉefa ranĝisto en stacidomo kun nur du trakoj, du ŝanĝtrakoj (2 kaj 4), unu ranĝ-lokomotivo (L) kaj du vagonoj (A kaj B). Ili staras laŭ la indikoj en la suba bildo.




Via tasko estas per la lokomotivo interŝanĝi la lokojn de la du vagonoj kaj remeti la lokomotivon al sia orignala loko. Tio estas, vagono A staru sur loko 7, vagono B sur loko 6 kaj la lokomotivo denove ĉe 3.

Nur la lokomotivo havas motoron. La lokomotivo kaj la vagonoj havas kuplilojn ambaŭfine. Nek la lokomotivo, nek iu vagono rajtas forlasi la relojn!

Ni donos nian solvon en la venonta numero — ĝi postulas naŭ ŝanĝojn de ŝanĝ-trako, kaj 15-foje la lokomotivo devas halti kaj ekiri. (Ĝi devas halti ĉiufoje por alkupli vagonon, eĉ se ĝi poste pluiras en la sama direkto!). Provu trovi propran solvon. Vi povos pli facile solvi la problemon, se vi desegnos la trakojn kaj eltondos kartonajn formojn por reprezenti la lokomotivon kaj la vagonojn. Se vi fakte posedas modelan fervojon, uzu ĝin!

Starigu la problemon en Esperanto al amiko. Klarigu vian solvon al li aŭ ŝi . Skribu ĝin laŭ serio de paŝoj kaj sendu ĝin al ni ĝis 31a de januaro 1995. Ni premios bonajn solvojn, precipe solvojn pli lertajn ol nia.

# Ni entiris kruc-enigmon en nian gazeton por vi!

*(R) = uzu nur la radikon aŭ afikson, sen finaĵo*

**Horizontale**

2. Faka Asocio (mallonge).
4. Li __________ la taskon. Li kompletigis ĝin.
8. Magiisto: __________ la kuniklon! Kaŭzu, ke ni ek-vidu ĝin!
11. Tiu, kiu devas fari ĉiujn malagrablajn taskojn!
12. Movos per rond-irigo cilindro-forman objekton. Li _______ la barelon.
13. Movos ion de malalta ĝis alta pozicio. Ŝi ______ la keston.
15. *Sinonimo (sam-senca vorto) de 9 vertikale. Ili devas _______ la* meblojn en la kamionon. Ho, sed pli delikate!
16. Tiu, kiu baldaŭ vojaĝos. (R)
17. Ili _________ la keston per ŝnuro. Ili prenis la ŝnuron en la manoj, kaj per tio proksimigis la keston al si.
18. Tiu, kiu ricevas inviton por loĝi kun iu dum mallonga tempo, ekzemple, pere de la Pasporta Servo de TEJO.
19. Ne-difinita objekto.
20. Finaĵo por prezencaj verboj (verboj de la nuna tempo).
21. Fervojisto! ________ la vagonojn! Konektu.
24. Granda birdo – la simbolo de Usono.
25. Karlo mallerte batas la stangon. Li verŝajne batos _____ fingron.
26. Sufikso por indiki profesiulon aŭ kredanton.

**Vertikale**

1. Flugis tra la aero pere de aer-kurentoj.
2. Adjektivo por iu, kiu baldaŭ atingos la mal-komencon!
3. La flegisto __________ la kuraciston dum la operacio. Profesie helpos.
4. Klopodi, strebi.
5. Sufikso, kiu indikas grandecon aŭ multecon. (R)
6. Ili devis __________ la piknikon pro la pluvo. Decidi, ke io ne okazos aŭ ne ekzistos.

7. La laboristoj _______ la komputilon. Transportos. Irigos de unu loko al alia.
8. Sufikso por grupo. (R)
9. Vi devas ________ butonon por voki lifton.
10. Iu ____________ la ŝuojn – ili nun estas ĉiuj miksitaj. Kaŭzis kaoson.
14. Epoko. Longa tempo-periodo.
21. Kaŭzi, ke io restu en metita loko. Mal-preni !
22. Adjektivo por surfaco sen obstakloj, eble polurita. (R)
23. La mon-unuo en Koreio.

En la kruc-enigmo estas nur du unu-ligaj verboj. Trovu ilin kaj metu ilin en unu frazon. Sendu vian respondon per poŝtkarto aŭ letero al la redakcio ĝis la fino de decembro 1994. Ni lotumos premiojn!



**Hungara popol-kanto:** # Iru pace

*Tradukis:*
*Éva Farkas-Tatár*




**2. Se vi manĝos fremdan panon**
**rememoru hejman amon.**
**Riverego vin allogas,**
**sed patrino vin revokas.**

Supre Panjo kantas, ke ŝi ne forgesos la filon, kiu foriras. Li devas rememori ŝin. Se vi ne forgesas ion, vi memoras ĝin! *Forgesi* kaj *memori* estas verbo-paro. La du signifoj estas kontraŭaj. Diru aliajn verbo-parojn:

**1.** Se vi mal-puŝas ion, vi __________ ĝin.
**2.** Se vi faligas ion, poste vi devas ___________ ĝin.
**3**. Se vi perdas ion, vi devas unue ___________ ĝin...
**4.** ...kaj se fine vi mal-perdas ĝin, vi ___________ ĝin.
**5.** Iu skribas mesaĝon, poste la ricevanto _________ ĝin.
**6.** La gvidanto komencas la kanton, poste iu _________ ĝin.
**7.** Se vi ___________ ion, vi provas akiri ĝin.
**8.** Se iu donas al vi ion, vi ___________ ĝin.
**9.** Io povas allogi vin, aŭ vin ___________.

Elektu el la sekvaj verboj kaj ne forgesu doni la ĝustan finaĵon kiam vi metos ilin en la frazojn: ***bezoni, fini, forpeli, iri, kaŝi, legi, levi, montri, ricevi, seri, tiri, trovi, veni.***

En la listo estas kvar verboj, kiujn vi ne bezonas por solvi la ekzercon. Ili formas du verbo-parojn. Indiku la parojn kaj verku kanteton en kiu la kvar verboj aperas. Sendu al ni vian kanton aŭ poemon ĝis la 31a de januaro 1995. Ni lotumos premiojn! La adreso aperas sur paĝo du.

# Juna amiko

Kvaronjara Revuo

Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj

Regulaj raportoj pri la vidbenda projekto *Mazi en Gondolando*



Paroliga kaj partopreniga materialo

verbo-centra vervo-centra

Portilo de plej aktualaj instru-teknikoj por verbo-centra kaj komunika instruado

La plej bona amiko por lernantoj ĉie ajn

*Valora fonto de praktikaj grupekzercoj kaj ludoj*

verkoj de junuloj el dekoj da landoj!

EĈ MALPLI KOSTA KELK-LANDE EN 1995!

grandegaj rabatoj por grupaj mendoj!

# ilei

La dudek-du -jara gazeto *Juna amiko* restas fidela kaj matura servilo por lernantoj, instruistoj kaj kurs-gvidantoj. Kvanakm plen-kreska, ĉiam juna kaj juneca ĝi restas. En ĝi vi trovos aplikon de modernaj komunik-stilaj instru-metodoj al la unikaj bezonoj de Esperanto. Gramatike, tio signifas verbo-centran aliron. Kulture — regulaj eblecoj por kontaktoj kun lernantoj kaj klasoj tra la mondo, informoj pri taŭgaj E-aranĝoj kaj servoj.

Nia eldon-bazo en Hungario permesas al ni liveri la revuon al la transformiĝantaj landoj de la regiono. Plie, ni atingas sesdekon da landoj en ĉiuj kontinentoj. Sekve, niaj kontribuaĵoj alvenas el ĉiuj mond-anguloj.

La baza vort-listo, laŭ kiu ni preparas niajn tekstojn, aperis en *Juna amiko 93/3* kaj estas petebla kontraŭ du internaciaj respond-kuponoj.

Denove en 1995, kiel en 1994, ĉiu numero prenos temon, kiu konsistos el kolekto de parencaj verboj. La ĝustan uzon de tiuj verbo-kolektoj ni montros per rakontoj, dialogoj, rol-ludoj, enigmoj, kantoj, poemoj, ludoj kaj tiel plu. ***Do, ne hezitu — re-abonu aŭ ek-abonu nun!***

## Cito el letero de leganto:

> *Kiam mi revenis ... mi trovis la plej novan numeron de* Juna Amiko, *kaj ĝi multege plaĉis al mi — eble pli ol ĉiu antaŭa kajero. Aparte interesaj estas la granda tut-gazeta ludo kaj la multaj poemoj, sed ankaŭ aro da utilaj informoj, ekz. pri la skolta lernolibro, la paper-pupoj kaj korespond-deziroj. Mi certe uzos vian revuon dum la venonta lerno-jaro en mia gimnazia labor-grupo.*

Ni fiksas la abon-prezojn laŭ kvin tarif-zonoj. La kvar sumoj prezentas la po-abonan koston por respektive 1 ekzemplero, 2 ĝis 5 ekzempleroj sendataj al unu adreso, 6 ĝis 24 ekzempleroj kaj ekde 25.

**Tarifo 1:** Okcidenta Eŭropo, Nord-Ameriko, Japanio, Aŭstralazio:
16; 12; 10 kaj 8 NLG.
**Tarifo 2:** Latin-Ameriko, Israelo, Koreio: 8, 7, 6 kaj 5 NLG. (Malaltigita!)
**Tarifo 3:** Rusio, Bulgario, Pollando, Irano, Baltio ks: 400, 350, 300, 250 HUF
**Tarifo 4:** Najbaraj landoj al Hungario (krom Aŭstrio): 300, 260, 240, 200 HUF
**Tarifo 5:** En Hungario: 240, 200, 160 kaj 120 HUF
(4, 3, 3 kaj 2) internaciaj respondkuponoj.

Por tarif-zonoj 1-4, kalkulu, ke internacia respondkupono (irpk) valoras unu nederlandan guldenon (NLG) aŭ 60 hungarajn forintojn (HUF).

En multaj landoj niaj perantoj fiksas tarifon en la enlanda valuto. Vidu la precizan liston de perantoj kaj prezoj sur paĝoj 27 kaj 28 de ĉi tiu *Juna amiko*

Por via gvido, kalkulu 100 HUF = 1 USD (usona dolaro) = 1,4 NLG
= 1,3 DEM (germanaj markoj) = 6 SEK (svedaj kronoj).

# ABONILO KAJ MENDILO

- ☐ Bv. sendi al mi specimenon de *Juna amiko* kun mendilo *
  (nur por novaj abonantoj!)
- ☐ Mi abonos la revuon por 199___. Mi pagis sumon de _________
  al ____________ per____________ en la dato ____________.
- ☐ Bonvolu sendi al mi ___ ekzemplerojn de ĉi tiu varbilo *
- ☐ Bv. sendi al mi ____ ekzemplerojn de la enketilo pri instruado *
- ☐ Bv. sendi al mi _____ afiŝojn pri *Juna amiko*. *
- ☐ Bv. sendi al mi la bazan 960-vortan vort-liston de Juna amiko *
- ☐ Bv. sendi al mi specimenon de *Internacia Pedagogia Revuo*, la oficiala organo de ILEI, kune kun aliĝilo por la Ligo. *
- ☐ *Tendaraj Agoj*, tio estas paĝoj 4 ĝis 6 de la nuna Juna amiko, fotokopie en A4-formato (5 IRPK, 5 NLG, 20 SEK, 300 HUF)
- ☐ Kvin numeroj de *Juna amiko* el 1992-93, (10 NLG, 250 HUF)
- ☐ *Tendaraj tagoj*, kajero 1. 12 NLG, 110 HUF: ____ ekz.
- ☐ *Tendaraj tagoj*, kajero 2. 15 NLG, 140 HUF: ____ ekz.
- ☐ *Tendaraj tagoj*, kajero 3 18 NLG, 250 HUF: ____ ekz.
- ☐ *Teorio k. Praktiko de Lingvo-Instruado* (Szanser) 24 NLG. __ ekz.
  (por la lastaj kvin verkoj ni donas rabaton por kvantaj mendoj, vido JA 94/1, p. 19.

* senkoste, sed aldonu laŭeble minimume du internaciajn respondkuponojn por sendokostoj.

Nomo:________________________________________

Adreso kien sendi la varojn:________________________________

________________________________________

Subskribo:________________ Loko: _________ Dato: _________

Se vi mendis librojn, sendu la mendilon al *Juna amiko*, pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario. Internaciajn respondkuponojn aldonu al via mendo, sed ne sendu monon. Ni fakturos vian mendon kun indiko, kien eblas sendi la pagon: por libroj al la kasisto de ILEI en Svedio, al UEA por nia konto *ilek-a*, aŭ por hungaroj, al la hungara ILEI-sekcio. La prezoj inkluzivas la surfacajn sendokostojn. Prezoj en HUF estas nur por loĝantoj de Hungario.

Se vi volas nur aboni *Junan Amikon* aŭ peti specimenon de ĝi, vi povos sendi ĉi tiun mendilon al ILEI en Svedio (B. Andreasson, Södra Rörum pl 455, S-242 94 Hörby, pĝk: 147429-5), aŭ al via landa peranto, kies adreso kaj enlanda kotizo estas eventuale aldonita aliflanke de ĉi tiu mendilo. La abonservo de UEA akceptas abonojn, sed nur laŭ tarifo 1, t.e. 16 NLG.

# ENKETILO de ILEI pri LERNEJA INSTRUADO 94-95

**Bv. resendi al Juna amiko/ILEI, pf. 193, HU-1368 Budapest, (aŭ al via landa peranto de *Juna amiko*) laŭeble ĝis la fino de 1994. Bv. skribi klare! Fotokopiu la enketilon laŭbezone. Uzu apartan por ĉiu klaso!**

Urbo:______________________ Lando:______________________

Nomo de la lernejo: ______________________________________

Nomo de la instruisto: ____________________________________

Adreso de la □ instruisto / □ lernejo: _________________________

______________________________________________________

Profesia instruisto: JES/NE. Dungito de la lernejo: JES/NE

Kiom da lernantoj en la klaso? ________ Kiomaĝaj?____________

Kiom da studhoroj semajne? ______ Daŭro de la kurso:___________

En oficialaj klashoroj? JES/NE. Oficiala lerneja stud-temo? JES/NE

Partopreno deviga post elekto? JES/NE . Ekzameno kurs-fine? JES/NE

Lernolibro uzata:_________________________________________

Korespondado dezirata? NE/ JES, □ individua, □ grupa.

Aliaj informoj aŭ kontakto-deziroj: ____________________________

______________________________________________________

______________________________________________________

______________________________________________________

Dankon pro via kunlaboro! La rezultoj aperos en Juna amiko, kaj eniros komputilan datumbazon.

Spaco por perantaj informoj (adreso, konto kaj enlanda abontarifo por *Juna amiko*)

# San-franciska sekcio

Oni instruas Esperanton oficiale en pluraj universitatoj -- plej unue oni pensas pri la kursoj en Budapeŝto. Kelkaj studentoj eĉ venas el aliaj landoj kaj kontinentoj por tie studi nian lingvon. Sed ne ĉiu povas vojaĝi tiom multe. Jam antaŭ dudek kvin jaroj ekzisitis someraj kursoj en universitato apud Nov-Jorko. Studentoj el Ameriko povis iri tien. Sed Ameriko estas granda kontinento, Usono estas granda lando. Ne ĉiu povis vojaĝi de la okcidenta marbordo de Usono al la oriento.

Do, oni decidis peti al universitato en Kalifornio oferti oficialan someran kurson en Esperanto. Tiu 'oni', kiu petis, estis ge-sinjoroj Bill kaj Cathy Schulze. La ŝtata (tio estas, kalifornia) universitato de Sanfrancisko konsentis. Rezulte, ĉiu-jare en la komenco de julio okazas tiuj kursoj, kun studentoj kaj instruistoj el multaj landoj.

En 1994 venis ĉ. 70 studentoj, de dek- ĝis preskaŭ okdek-jaraĝaj. La plimulto venis el Usono, sed el ĉiuj partoj (eĉ el la oriento, kvankam tie ankaŭ universitatoj ofertas oficialajn kursojn). Deko venis el Japanio, pliaj el Kanado, Meksikio, Koreio, Portoriko, Rusio, Uzbekio, Danlando kaj Francio. La instruistoj venis el Pollando, Hungario kaj Usono.

La instruado okazas je kvar niveloj: komencantoj, baza, post-baza kaj progresinta. Fine de la kurso, pluraj el la komencintoj povis jam bone paroli, inkluzive de kelkaj, kiuj ekkonis la lingvon nur semajnojn antaŭ la kurso! Ĉar estas oficiala kurso, oni serioze laboras, kaj ricevas hejm-taskojn preskaŭ ĉiutage. Okazas ses horoj da instruado ĉiutage, po tri por ĉiu nivelo. Sed studentoj, kiuj volas rapide lerni, rajtas gaste partopreni je plia nivelo, kaj pluraj faris tion. La instruado estis tre partopreniga. La studentoj devis multe respondi, rakonti, dialogi, diskuti, aktori kaj eĉ foje kanti. Ili plenumis rol-ludojn kaj devis solvi komunajn taskojn.

En la venonta numero de *Juna amiko* ni aperigos foton de la kursanoj. Via redaktoro gvidis lecionojn ĉefe en la baza kaj post-baza niveloj, sed kelk-foje li vizitis la superan grupon. Kiel jam minacite en la antaŭa numero, li tie donis praktikan hejm-taskon — verku ion en simpla lingvaĵo por niaj legantoj. La rezulto estis bunta, kaj parton de tio ni prezentos sur la sekvaj paĝoj.

Unue, skeĉon, kiun la grupo prezentis en semajn-fina festo, pri ne-saĝa Nasrudin. Poste, letero kaj respondo el alia Esperanta gazeto. Plie dialogo, kiun oni aktoris enkonduke al vespera prelego pri grava temo kaj laste eta poemo. Aliajn erojn el Sanfrancisko ni aperigos en postaj numeroj.

Fine de la kurso, kiam ni disdonis la diplomojn, ni festis same la 25-jaran datrevenon de la kursoj en SFSU, kaj dankis al s-ino Cathy Schulze, kiu ne nur agis por starigi la kursojn, sed ĉiujare multe laboris por allogi kursanojn kaj instruistojn kaj entute zorgi, ke la kursoj sukcese okazu. En tiu periodo pluraj miloj da studantoj ek-lernis aŭ plu-lernis Esperanton kaj samtempe partoprenis en (kaj kontribuis al) ĝia kultura vivo.

KONTRIBUAĴO EL SAN-FRANCISKO:

# Nasrudin flugas

Antaŭ proksimume mil jaroj, viro kun la nomo Nasrudin loĝis en Irano kaj / aŭ Irako. Post lia morto, la nomo Nasrudin komencis aperi en multaj popol-rakontoj de tiu regiono. En tiuj rakontoj, Nasrudin estas tre saĝa aŭ tre malsaĝa. Tiuj rakontoj estas foje interesaj kaj foje amuzaj. Ankoraŭ nuntempe, homoj kreas novajn rakontojn pri Nasrudin.

La Sufoj uzas tiujn rakontojn por instrui. Sufoj estas islamaj saĝuloj. Ili serĉas profundan scion. Sufoj diras ke homoj blindigas sin al la vera mondo. La sufoj deziras forigi la antaŭjuĝojn, kiuj malhelpas al homoj kompreni la mondon. En multaj rakontoj, Nasrudin misuzas logikon. Li pensas logike, sed en malĝusta situacio. Ni ridas pri tio. La Sufoj sugestas ke ni pensu, kiel ni eble misuzas niajn sciojn. Eble ni similas al Nasrudin. Eble ni aspektus malsaĝaj al homoj, kiuj vere komprenas la mondon. Jen moderna rakonto pri Nasrudin, en treatraĵa formo, kiun vi bone povos aktori:

**Piloto:** Bonan matenon, kaj bonvenon al Reĝaj Flugoj. Baldaŭ ni komencos nian flugon al la ĉefurbo. Ni flugos je alteco de dek tri mil metroj. La flugo daŭros proksimume kvar horojn. Ligu viajn sekurzonojn, kaj ĝuu la flugon.

**Nasrudin:** Kia bela aviadilo! Mi neniam flugis antaŭe. Rigardu la longajn flugilojn, kaj la kvar grandajn motorojn. Ĉu mi povas sidi apud la fenestro? Kia bela aviadilo.

**Suindar:** Trankviliĝu, amiko. Ja estas bona flugmaŝino. Sed nun ni desur-ter-iĝas. Sidu trankvile. *(sekvas paŭzo de kelkaj sekundoj)*

**Piloto:** Bonan matenon. Ni nun flugas preter alteco de du mil metroj, suprenire al nia fina fluga alteco. Se vi rigardos el la dekstraj fenestroj, vi vidos la reĝan vintran palacon, kaj antaŭ ni, la belan Reĝan Montaron.

**Nasrudin:** Kia bela afero! Rigardu! Kiom rapide ni flugas. Ni baldaŭ atingos la ĉefurbon.

**Suindar:** Trankviliĝu, amiko. Ja estas rapida flugmaŝino. Sed vi pensas tro pri rapideco. Kiom gravas kelkaj minutoj el tuta vivo. *(sekvas paŭzo de kelkaj sekundoj)*

**Piloto:** Bonan matenon. Se vi rigardos el la fenestro, vi vidos ke ni flugas super la bela Reĝa Montaro. El la maldekstraj fenestroj, vi povos vidi la reĝan aŭtunan palacon. *(Paŭzeto)* Bedaŭrinde, unu el la kvar motoroj haltis. Estas nenia danĝero, sed ni flugos iomete malpli

rapide. Tiu problemeto aldonos duonhoron al la flugo. Ni atingos la urbon malfrue.

**Nasrudin**: Ho ve, ho ve, ho ve! Terure! Ho ve, ho ve! Ni malfruos je duonhoro. Ho ve.

**Suindar:** Trankviliĝu, amiko. Ne plendu. Duonhoro ne estas longa tempo. Ni ankoraŭ flugas rapide. Kio estas duonhoro el tuta vivo? *(sekvas paŭzo de kelkaj sekundoj)*

**Piloto:** Bonan matenon. Se vi rigardos el la fenestro, vi vidos ke ni ankoraŭ flugas super la bela Reĝa Montaro. El la dekstraj fenestroj, vi povos vidi la reĝan someran palacon. *(Paŭzeto)* Bedaŭrinde, dua motoro haltis. Estas nenia danĝero, sed ni flugos iomete malpli rapide. Tiu problemeto aldonos horon al la flugo.

**Nasrudin**: Ho ve, ho ve, ho ve! Tio estas terura afero! Ho ve!

**Suindar** *(interrompas)*: Silentu! Tio tute ne gravas. Nur Alao scias nian sorton, nur Alao estas bona. Sed kiom gravas nur unu horo el ĉiuj



horoj de la vivo? *(Nasrudin aspektas malfeliĉa... sekvas paŭzo de kelkaj sekundoj)*

**Piloto:** Bonan posttagmezon. Se vi rigardos el la fenestro, vi vidos ke ni ankoraŭ flugas super la bela Reĝa Montaro. El la maldekstraj fenestroj, vi povos vidi la reĝan printempan palacon. *(Paŭzeto)* Bedaŭrinde, tria motoro haltis. Estas nenia danĝero, sed ni flugos iomete malpli rapide. Tiu problemeto aldonos plian horon al la flugo. *(Suindar aspektas iom time, diras nenion, ne rigardas Nasrudin.*

*Nasrudin sidas, pensas, ekparolas, haltas. Fine li ne eltenas silenti.)*

**Nasrudin** *(frustrite / kolerete)* : Mi nur esperas ke la lasta motoro ne haltos. Se ĝi haltos, ni restos flugantaj super tiuj malbenindaj Reĝaj Montoj ĝis noktomezo!

---

## LETEROJ EN LA TAGĴURNALO

*Al la Ĉefkonsilanto,*
*Konsilo-rubriko de INTER NI.*

*Sinjora/Sinjorina Moŝto:*
*Dum multaj jaroj mi razis min je la vizaĝo per eksmoda razilo. Mi deziris esti .ĝisdatiĝinta viro kaj mi aĉetis modernan elektran razilon. Tamen estas problemoj: la metala ekrano rustiĝas kaj la ŝaŭmo de la barbosapo sekiĝas kaj ŝtopas la truojn en la ekrano.*
*Ĉu vi povas konsili min? Multan dankon.*

KFZ.
*Kon Fu Zita*




Estimata S-ro Zita:
Ni devas rekoni, ke la modernaj inventaĵoj ne taŭgas por ĉiuj. Mi mem rimarkis, ke multaj homoj en la redakcio de INTER NI uzas meĥanikajn krajonojn, kaj mi mem provis du-tri foje tiajn krajonojn. Tamen, kiam mi deziris repintigi la krajonon, mi eltrovis, ke tio ĉiam ruinigas la krajono-pintigilon. Do, nun mi estas kontenta uzi nur la eksmodan krajonon el ligno kaj grafito.

Ne tro multe strebu por ĝisdatiĝi.

La Ĉefkonsilanto de INTER NI

La gazeto INTER NI aperas regule en Kanado; la supra kaj sekva eroj venas el ĝi. Ni konservas pliajn erojn de la sama fonto (verkitaj aŭ tradukitaj de Steĉjo Norvell) por aperigo en nia sekvonta numero.

# FOLIA FRENEZULO

*Io nuntempe tute ordinara povas esti apenaŭ kredebla, kiam ĝi unuafoje aperas aŭ estas inventita aŭ malkovrita. La sekva skeĉo de Steĉjo ilustras tion. La fama angla maristo-esploristo Walter Raleigh (Ŭaltr Rali) telefonas al la Duko de Essex. Sekve vi aŭdas nur duonon de la konversacio kaj devas imagi la alian duonon. Aktoro prezentanta la skeĉon devas paŭzi inter ĉiu parolo por 'aŭskulti' la respondojn de la esploristo.*

*(Telefono sonoras.)*

- Saluton. Essex ĉi tie.
- Walter kiu?
- Raleigh? Raleigh? – Ho, Walter Raleigh: Je la ĉielo — mi opiniis, ke vi jam de-longe mortis:
- Do, mi ĝojas. Ĉu vi ne forvojaĝis antau kelkaj jaroj al iu neatingebla loko -- Afriko aŭ Azio aŭ?...
- Al Ameriko. Kompreneble, nun mi memoras. Kaj vi revenis viva. Ĉu vi estas sana?
- Do, tute sana. Mi ĝojas. Walter, diru al mi pri viaj aventuroj en Ameriko.
- Ĉu?... Ĉu vere?... Ĉu? Walter, diru al mi pri la indianinoj:
- Do, bone, poste en la drinkejo.
-- Jes... jes... jes... Walter, ripetu, mi petas
- Walter, mi ne bone komprenas. Bonvolu literumi.
- T... A... B... A... K... O. TA-BA-KO. Walter, kio estas **ta-ba-ko**?



- Do, estas folio. Interese. Jes... Jes...
- Walter, mi ne bone komprenas... ripetu...
- Walter, mi ne aŭdas ĝuste. Mi imagis, ke vi diris, ke vi reportis kun vi al Anglio mil kilogramojn da **ta-ba-ko.**
- Do, vi diris ĝuste tion. Sed Walter — kial? Ni jam havas sufiĉe da folioj en Anglio: Precipe en la aŭtuno...
- Do, ĝi estas speciala folio. Devas esti: Mil kilogramoj: Kial ĝi estas speciala folio?
- Jes... Vi sekigas ĝin... ŝutas la pecojn de la folio sur paperon... kaj vi volvas la paperon por fari ... kion?
- Tubeton aŭ cilindron... kaj poste?
- Walter, ne diru al mi. Ne diru... Permesu al mi diveni: Vi enpuŝas la tubeton en la... mi pensu... Vi enpuŝas la tubeton en la ... orelon!
- Ĉu? Ho, en la buŝon... Kaj kion vi faras poste, Walter?...
- Vi ekbruligas ĝin!!!!
- Raleigh, Walter, ĉu vi vere sentas sana? Ĉu vi suferis febron en Ameriko? . . aŭ eble spertis akcidenton. . . rompis la kapon. . .
-*(nekredeme)* Tute sana...?
- Jes, kompreneble, ni devas baldaŭ renkontiĝi.
- Morgaŭ vespere... en la drinkejo? Bone.
- Kaj ne forgesu pri la indianinoj: Ĝis revido. *(Alkroĉas la parolilon. Frontas la spektantaron.)*

Li estas freneza, alsolute freneza!

## Demandoj por diskuto kaj respondo:

**1.** Kien iris la esploristo Raleigh? Kion li trovis tie?
**2.** Kial Walter Raleigh ne povis vere paroli per telefono?
**3.** Kial Essex [*pron. Esiks*] supozis, ke Raleigh delonge mortis?
**4.** Kiom da folioj portis Raleigh? Ĉu folioj mankas en Anglio?
**5.** Pri kio ili parolos poste en la drinkejo?
**6.** Kion oni devas fari per la tabako-folio?
**7.** Essex divenis, kien oni metu la tubeton de tabako. Kien li supozis?
**8.** Kien oni fakte devas meti ĝin kaj kion oni poste devas fari?
**9.** Kial Essex opiniis, ke Raleigh estas komplete freneza?

# Ĉu vi estas mond-civitano ?

**Ronald J. Glossop, Usono**

**A:** Saluton.

**B:** Saluton. Kie vi loĝas?

**A:** Mi loĝas en domo.

**B:** Ĉu vere? Sed mi volus scii kie estas la domo en kiu vi loĝas.

**A:** Mia domo estas en Nov-Jorko.

**B:** Bone, sed mi ne tute komprenas. Ĉu vi volas diri, ke vi loĝas en la urbo Nov-Jorko aŭ en la ŝtato* Nov-Jorko?

**A:** Mi loĝas en urbo kiu estas tre apud la urbo Nov-Jorko sed ne en tiu urbo. Tamen ĝi estas en la ŝtato Nov-Jorko. Sekve, mi estas civitano de la ŝtato Nov-Jorko sed ne de la urbo Nov-Jorko.

**B:** Ĉu vi ne estas civitano de Usono?

**A:** Kompreneble. Mi estas civitano de mia urbo. Mi estas civitano de la ŝtato Nov-Jorko. Kaj mi estas civitano ankaŭ de Usono.

**B:** Ĉu vi ne ankaŭ loĝas sur la planedo Tero?

**A:** Kompreneble. Mi certe ne estas ali-planed-ano*.

**B:** Do, ĉu vi ne estas civitano de la tergloba komunumo*?

**A:** Pri tio mi ne certas. Mia urbo havas registaron, kaj rilate al tiu urba registaro mi havas rajtojn kaj devojn. Mia ŝtato havas registaron, kaj rilate al tiu ŝtata registaro mi havas rajtojn kaj devojn. Mia lando havas landan registaron, kaj rilate al tiu landa registaro mi havas rajtojn kaj devojn. Sed ne ekzistas registaro por la planedo, do mi ne certas ĉu mi povas esti civitano de la ter-globa komunumo.

**B:** Ĉu Unuiĝintaj Nacioj (aŭ Unuiĝinta Naciaro) ne estas registaro de la tuta mondo?

**A:** Ne. Unuiĝinta Naciaro ne estas vera registaro. Ĝi ne rajtas krei leĝojn. Ĝi ne havas policon. Ĝi efektive estas asocio por la land-registaroj. Ĝi estas inter-nacia organizaĵo, ne tutmonda registaro. Mi persone ne estas membro de Unuiĝinta Naciaro, sed mia land-registaro estas membro. Do ŝajne mia land-registaro havas rajtojn kaj devojn en la tutmonda komunumo, sed ne mi kiel individua homo.

**B:** Kia stranga afero! Vi estas civitano de la urbo kie vi loĝas. Vi estas civitano de la ŝtato kie vi loĝas. Vi estas civitano de la lando kie vi loĝas. Sed vi ne estas civitano de la planedo kie vi loĝas.

**A:** Jes, tio ŝajnas esti la situacio, ĉar ne ekzistas tutmonda registaro. Sed tamen mi loĝas en la tutmonda komunumo. Eble ne estas registaro rilate al kiu mi havas rajtojn kaj devojn. Sed tamen mi povas pensi ke

mi estas mond-civitano. Mi havas rajtojn kiel homo eĉ se ĝis nun ne estas monda registaro por garantii* tiujn rajtojn. Pli grave, mi havas devojn rilate al la tutmonda komunumo, eĉ se neniu registaro ekzistas por puni min se mi ne faras tion, kion mi devus fari. Laŭ mi, unu devo, kiun mi havas, estas lerni la lingvon Esperanto. La tutmonda komunumo bezonas almenaŭ unu lingvon, kiun ĉiuj en la komunumo povas uzi por komuniki kun la aliaj anoj de la komunumo. Mi ne rajtas supozi ke ĉiuj aliaj personoj uzos mian nacian lingvon, kaj estas tiom da lingvoj en la mondo ke mi neniam povus lerni ilin ĉiujn. Estas dek du lingvoj, kiuj havas pli ol cent miliono da parolantoj. Mi ne povus lerni eĉ duonon el ili! Kiel mond-civitano unu el miaj plej gravaj devoj estas lerni la lingvon de mia monda komunumo. Certe, estas ankaŭ aliaj devoj por mond-civitanoj, sed neniu el ili estas pli grava ol lerni la tutmondan lingvon Esperanto.




* "Civitano" estas persono kiu havas rajtojn kaj devojn en sia komunumo.
* En Usono estas 50 ŝtatoj iom similaj al provincoj aŭ departementoj aŭ regionoj aŭ distriktoj aŭ prefekturoj en aliaj landoj.
* "Aliplanedano" estas ali-planed-an-o.
* "Komunumo" estas granda grupo de homoj kiuj loĝas kaj laboras kune.
* "Garantii" estas gardi, protekti, certigi ke io okazu.

Ĉi tiu teksto estis disdonita en vespera kunveno en Sanfrancisko, kiun gvidis la aŭtoro, pri mond-civitaneco kaj pri solvoj por la tutmonda problemo de militado. Pripensu kaj diskutu ĝiajn ideojn!

**re-abonu la amikon por '95!**

Dum la kurso en Sanfrancisko okazis du semajn-finaj ĝarden-festoj. Por la dua, la meksikiaj partoprenantoj, Raul, Laura kaj Vicente deziris prezenti faman meksikian kanton pri la modesta blato. Ili petis vian redaktoron verki poemeton por enkonduki la kanton. Laŭ sia kutimo, la redaktoro plenumis la taskon last-sekunde antaŭ la prezentaĵo. Laŭ alia sia kutimo, la redaktoro neniam forĵetas ion reuzeblan. Jen sekve la reciklita poemo:

## Kontraŭ blato-bato



Ne rilatu al la blato
Kun eksceso de malŝato
Volas ĝi trankvile vivi
Nepre ne superlativi
Iras ĝi kun eta menso
Tamen kun klarcela penso
Por pluvivo de speci'
Kaj propra trib' speci ..............fe!

Se sandviĉon vian ĝi forportas ...
Eble ĉar gefiloj mortas
Nur la nutro ilin savos
Dank' al vi estonton havos.
Indulgu do la patron blatan
Li plenumas celon ordonatan
Proprajn idojn volas ami li
UN proklamis

— Jaron de la Famili'

Jen la fino de nia nuna san-franciska sekcio. Pliaj eroj de la kursintoj aperos en estontaj numeroj. Koran dankon al la kontribuintoj.

## Nia enketilo — kie la rezultoj?

Ho, ve! Alvenis fine nur trideko da respondoj al nia enketilo el numero 94/1. Sed, re-ho-ve! Tiom malfruas nia nuna numero, ke ni ne atendigos ĝin por pretigi detalan analizon de la rezultoj. Tamen la redakcio prenis utilajn informojn el ili kaj pretigos analizon por numero 94/4, kiu aperos jar-fine.

Sed ne necesas prokrasti ĉion. Ni promesis lotumi premiojn el inter la respondintoj. La sekvaj nomoj aperis el la ĉapelo: Por kompleto de *Tendaraj tagoj*: Lawal Boladale, Ilesa, Niĝerio; Galina Novikova, Zelenograd, Rusio kaj Nagy Dávid, Oradea, Rumanio. Por la metodika libro *Teorio kaj Praktiko de Lingvo-instruado* de Mag. I. Szanser: Atiljo Orellana Rojas, Argentino, Héctor Campos Grez, Ĉilio kaj Irene Szücs, Oradea, Rumanio. Por *Danĝera Lingvo*: Ecaterina Popoviciu, Rumanio.

Gratulojn al ili kaj dankon al ĉiu respondinto — vi donis valorajn opiniojn!

# Perantoj kaj prezoj de *Juna Amiko* por 1995

Sur paĝo 16 ni donis la bonajn novaĵojn pri senŝanĝaj aŭ eĉ reduktitaj prezoj por *Juna amiko*. Nur kelk-lande ni devis altigi la abonon. Niaj abono-prezoj spegulas la malsaman pagi-povon de homoj tra la mondo laŭ la sekvaj kvin tarif-grupoj.

**Tarifo 1:** Okcidenta Eŭropo, Nord-Ameriko, Japanio, Aŭstralazio.
**Tarifo 2:** Latin-Ameriko, Israelo, Koreio.
**Tarifo 3:** Rusio, Bulgario, Pollando, Ĉeĥio, Irano, Baltio ktp.
**Tarifo 4:** Najbarlandoj de Hungario (krom Aŭstrio), cetera Azio, Afriko.

| ZONO | **Unu ekzemplero** | **2-5 ekz. al unu adreso, po** | **6-24 ekz. po** | **25 au pli po** |
|---|---|---|---|---|
| **Tarifo 1** | 16 NLG 9 USD<br>14 DEM 60 SEK | 12 NLG 7 USD<br>11 DEM 50 SEK | 10 NLG 6 USD<br>9 DEM 40 SEK | 8 NLG 5 USD<br>7 DEM 35 SEK |
| **Tarifo 2** | 8 NLG 5 USD | 7 NLG 4,50 USD | 6 NLG 4 USD | 4 NLG 3 USD |
| **Tarifo 3** | 6 NLG 400 HUF<br>4 USD 22 SEK | 5 NLG 350 HUF<br>3,50USD 20SEK | 4 NLG 300 HUF<br>3 USD 16 SEK | 3 NLG 250 HUF<br>2USD 12 SEK |
| **Tarifo 4** | 5 NLG 300 HUF<br>3,50USD 20SEK | 4NLG 280 HUF<br>3 USD 16SEK | 3NLG 240HUF<br>2 USD 14 SEK | 2,50NLG1,50USD<br>200HUF 11 SEK |
| Hungario | 240 HUF 4irpk | 200 HUF 3 irpk | 160 HUF 3 irkp | 120 HUF 2 irkp |

Krom en la lasta kategorio, kalkulu ke internacia respondkupono (irpk) valoras unu nederlandan guldenon.

Ĉefaj internaciaj perantoj estas UEA en Nederlando kaj ILEI en Svedio. Ni havas perantojn multloke, la plimulto akceptas kotizojn en lokaj valutoj — jen iliaj adresoj kaj la kotizoj. La unua cifero estas por unuopa jarabono (4 numeroj). *La postaj ciferoj inter punkto-komoj estas la po-abona kosto* por respektive 2 ĝis 5, 6 ĝis 24 kaj ekde 25 ekzempleroj sendendaj al unu adreso. Ni sendas la revuon aerpoŝte al ekstereŭropaj adresoj.

**Internacia:** ILEI, B. Andreasson, Södra Rörum, pl. 455, SE-242 94 Hörby. 60; 50; 40; 35 SEK aŭ la ekvivalento de via enlanda tarifo en konvertebla valuto aŭ internaciaj respondkuponoj. Pĝk. 147429-5.
**Internacia:** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando (pĉk. 378964). 16; 12; 10;.8 NLG. *Akceptas nur laŭ tarifo 1.*
**Migranta:** Jorgos Comte, St. Felix de Rieutort, F-09120 Varilhes, Francio, aŭ ĉe la biciklo laŭ la enlanda tarifo.
**Argentino:** Argentina Esperanto-Asocio, C.C. 1428, AR-5000 Cordoba. Tarifo 2. Aere.
***Aŭstralio:*** AEA-Libroservo, P.O. Box 230, Matraville, NSW. Tarifo 1: 13; 11; 9; 7 AUD. Aere.
**Aŭstrio:** Leopold Patek, Martinstr. 104/38, AT-3400 Klosterneuburg. 100; 75; 60; 50 ATS.
**Belgio:** Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen kaj Eldonejo Sonorilo, Doornstr. 22, B-2610 Wilrijk. Tarifo 1: 250; 210; 170; 130 BEF.
***Brazilo:*** *Brazila Esperanto-Ligo, Caixa Postal 3625, BR-70084-970* Brasília (DF). Tarifo 2.
**Britio:** P. Hewitt, 26 Highfield Rd, North Thoresby, Great Grimsby, South Humberside, DN36 5RT. Tarifo 1: 5; 4; 3; 2,50 GBP.

**Bulgario:** Kontaktu BEA aŭ Lilja Koleva, bulv. Cv. Radojkov 10 bl. 2, vh B, ap. 34, BG-1504 Sofia. Tarifo 3.

**Ĉeĥio:** Vladislav Hasala, Poŝtkesto 34, CZ-696 62 Stráznice. Tarifo 3: 100, 80, 65, 50 CZK.

**Ĉilio:** Héctor Campos Grez, Casilla 231, Curico; Ĉekkonto 425-000-74391 ĉe Banco del Estredo de Chile. Tarifo 2. Aere.

**Ĉinio:** Zhang Danchen, Gong Wai Xi, Shifan Daxue, Wuhan, Huazhong. 16, 12; 10; 8 CNJ.

**Danlando:** Peranto dezirata. Intertempe tra s-ro Andreasson en Svedio aŭ UEA.

**Estonio:** Eva Otse, Juhkentali 30-12, EE-0001 Tallinn. Tarifo 3.

**Finnlando:** Peranto dezirata. Intertempe tra s-ro Andreasson en Svedio aŭ UEA.

**Francio:** UFE, 4 bis, rue de la Cerisaie, F-75004 Paris. Tarifo 1: 45; 40; 35; 30 FRF.

**Germanio:** Esperanto-Centro Paderborno, Grunigerstr. 5, DE-330440 Paderborn, kaj J. Pachter, Untere Volkwinhalde 9, DE-72488 Sigmaringen. 14; 11; 9; 7 DEM. Oriente: Rolf Beau, Jacobstr. 9, DE-04105 Leipzig (konto 5602-39-22320). 10; 8; 7; 5 DEM (tarifo nur por loĝantoj de orienta Germanio).

**Hispanio:** Francisco M. Muñoz Garre, Camino del Carcanox s/n, ES-30580 Alquerias (Murcia). Tarifo 1: 800; 600; 500; 400 ESP.

**Hungario:** ILEI, M. Kovács, Ady E. u. 23, H-1221 Budapest. 240; 200; 160; 120 HUF. Konto: OTP Bp XXII ker, n-ro 546-006891-8. Donacabonoj por najbarlandanoj laŭ tarifo 4, aliloke tarifo 3, t.e. 400; 350; 300, 250 HUF. Aŭ vizitu la klubejon 'Esperejo' lunde aŭ merkredvespere. Al hungaraj abonantoj ni sendos kun JA94/3 aŭ 94/4 pagilon por re-abono.

**Irano:** Morteza Mirbaghian, P.O. Box 37185-3331 Qom. Aere. Tarifo 3.

**Israelo:** Kontaktu E-Ligo en Israelo, P.O.K. 1289, IL-61012 Tel-Aviv. Tarifo 2. Aere.

**Italio:** Carla de Lorenzi, Via Boston 65, IT-10137 Torino (konto 33868100). 14000; 11000; 9000. 7000 ITL. La malnovaj tarifoj validos ĝis la jarfino.

**Japanio:** H.R. MacGill, 1563-2 Okuyama, Inasa-gun, Sizuoka-ken, 431-23. Tarifo 1: 1000; 800; 700; 500 JPY. Aere.

**Jugoslavio:** Vojnic Blaŝko, Ferenci Ibolje 31, YU-24000 Subotica. Tarifo 4.

**Kanado:** Merle Haltrecht-Matte, 7083 rue Notre Dame, Orléans, Ontario, K1C 1J1. Tarifo 1: 10; 8; 7; 5 CND. Aere.

**Koreio:** Librejo GAJA, s-ro Lee Jung-Kee, C.P.O. Kesto 3047, Seoul KR-100-630; tel. (822) 585-8841. Tarifo 2. Aere.

**Kroatio:** Kroatia Esperantista Unio, Trg Burze 2, HR-41000 Zagreb. Tarifo 4

**Kubo:** Kuba Esperanto-Asocio, Apt. postal 2108, La Habana 2. Tarifo 3. Aere.

**Latvio kaj Litovio:** LEA, ab/k 167, LT-3000 Kaunas. Tarifo 3.

**Makedonio:** Kontaktu Lenĉe Efremova, 'JNA' 63-a 91000 Skopje. Tarifo 3.

**Nederlando:** Hans Ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard; tel (02207) 17918. Pĉk: 6808931 (H. ten Hagen inz. Juna amiko). 16, 12,10, 8 NLG.

**Norvegio:** Eldonejo de NEL, Olaf Schous vei 18, N-0572 Oslo 5. 55; 45; 35; 30 NOK.

**Nov-Zelando:** Kontaktu s-inon G. Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 1. Tarifo 1: 13, 11, 9, 7 NZD. Aere.

**Pollando:** Neniu peranto peris abonojn en 1994. Pagu rekte al internacia peranto aŭ provu iujn el la sekvaj: Silezia E-Asocio, Str. Dubois 3, PL-50-952 Wroclaw; J. Parzyszek, ul. Piasta 52/21, PL-15-044 Bialystok; Kastora Klubo, ul. Pulawska 3-11, PL-02-515 Warszawa; PWM 'NEPO', Maciej Wnuk, Skrytka 105, PL-01-865 Warszawa; Aleksandro Kaminski, Lanowa 20a, m87, bl. 41, PL-91-103 Lodz. Tarifo 3.

**Portugalio:** Portugala Esperanto-Asocio, Rua Dr. João Couto 6, R/C-A, PT-1500 Lisboa. 2000, 1800, 1700, 1600 PTE

**Rumanio:** Vasile Albu, Str. Eroilor 9, RO-2400 Sibiu. Tarifo 4.

**Slovakio:** Sobotske nam 6, 058 01 Poprad. 90; 75; 60; 45 SKR. Tarifo 4.

**Rusio:** REU, Moskvo. Tarifo 3.

**Svedio:** Lisbet Andreasson, Södra Rörum, pl. 455, SE-242 94 Hörby. 60; 50; 40; 35 SEK. Pĝk. 147429-5.

**Ukrainio:** Esperanto Centro, P.O. Kesto 539/1 UA-252200 Kiev. Tarifo 4.

**Usono:** ELNA, P.O. Box 1129, El Cerrito, CA 94530. 9; 8; 7; 5 USD. Aere.
**Venezuelo:** J.E. Bachrich, Apdo 70782, Caracas 1071 A. Tarifo 2. Aere.

*Perantoj ekster tarifo-grupo 1 devas transformi la kotizo-sumon al konvertebla valuto aŭ hungaraj forintoj aŭ internaciaj respondkuponoj. ILEI povas akcepti pagon en servoj aŭ varoj nur post anticipa interkonsento.*

# Deziras korespondi

**Albanio**

En numero 94/1 ni anoncis grupon en la urbo Kukes. Jen kelkaj el la individuoj en tiu grupo: Kerähaliu Ada, 17-jara ino; Muja Herion, 18-jara viro; Allaraj Smpresim, 18-jara ulo, Bytyci Fatbardha, 17-jara ino. Ĉiuj ĉe la adreso: Gjimnazi, Kukes, Albanio.

**Brazilo**

Pekim Vaz, Caixa Postal 182, Belém (PA), BR-66017-970. 'Mi ŝatus interŝanĝi leterojn kaj poŝtkartojn kun E-ist(in)oj de Siberio, Slovenio, Rumanio kaj Belorusio.'

Simone F. Taveira, Rua Eng. Bady Salum 575, Mangabeiras, BR-30210-250 Belo Horizonte (MG). 20-jara fraŭlino, ŝatas astrologion.

Afonso Wosny Filho, Av. Paraná, 159, ap. 102, Centro, BR-86010-370 Londrina (PR). 16-jara knabo, lernanto, ŝatas legi, skribi leterojn, kinon, naĝi.

Cristina Yoshiko Kawamura, Rua Manoel Caetano de Godoy 502, J. Ubirama, BR-18683-540 Lencois Paulista (SP). 18-jara vendotablistino (?), fraŭlino, ŝatas legi kaj rigardi filmojn.

Christiano José Jabur, Rua Dom José Lázaro Neves 226, Centro, BR-19800-000 Assis (SP). 17-jara knabo, studento, ŝatas muzikon, kinon, korespondi kaj promeni.

Marcelo da Silva C. Cleto, Tv. das Flores, 385/E1/102, Manguiera, BR-24435-410 São Goncalo (RJ). 18-jara fraŭlo, ŝatas komputilajn ludojn kaj mikro-komputilojn.

Andre Luiz Coutinho, Tv. das Flores, 385/D4/107, Mangueira, BR-24435-410 São Goncalo (RJ). 17-jara fraŭlo, lernanto, ŝatas sporton ĝenerale.

Fernando de Castro Lima, Rua Paraná 04, Vila Geraldo, BR-12060-040. 19-jara fraŭlo, studento, ŝatas legi, rigardi bonajn filmojn.

Eduarda E. Ferreira Lopes, Rua Newton Prado, 4-45, Vila Independencia, BR-17054-330 Bauru (SP). 19-jara studentino, ŝatas rajdi ĉevalon, ekscii pri mistifikaj aferoj.

**Ĉeĥio**

d-ro Frantisek Vesely, cislo 183, Okres Melnik, CZ-277 03 Horni Pocalpy, povas liveri adresojn de 13-15-jaraj korespondemaj progresantaj lernantoj.

**Francio**

Francois Ledoux, 38 rue Jacques Duclos, FR-62224 Equihen. 14-jara knabo.

Julie Desgardin, 18 Res. Les Glycines, FR-62230 Outreau. 13-jara knabino.

Fabrice Judas, 16 Res. Les Merles, 3 Rue de l'Aisne, FR-62230 Outreau. 13-jara knabo.

Tiuj adresoj venas el multe pli longa adres-listo. Skribante al unu el tiuj, vi povos ricevi adresojn de multaj 13-15-jaraj korespondemuloj.

**Nepalo**

Tulsi Charan Chuju, Nagdesi Village, Ward 9, Bhaktapur District. 22-jara lernanto de Esperanto en kvin-persona grupo deziras korespondi kaj ricevi helpon en la lernado.

*trovu leter-amikojn!*

# Dat-reveno por memori kaj komune festi!

**La 15a de decembro 1994 estas la 107a dat-reveno de nia lingvo Esperanto. Festu tion en via grupo!**

**Ekzemple, organizu kvizon pri la kreinto de la lingvo, d-ro Zamenhof. Jen kelkaj demandoj:**

**1. En kiu jaro d-ro Zamenhof eldonis la Unuan Libron de Esperanto?**
**2. En kiu urbo li naskiĝis?**
**3. En kiu lando ĝi tiam estis?**
**4. En kiu urbo ĝi nun estas?**
**5. Kial li decidis krei Esperanton?**

**Faru mem pliajn demandojn pri Zamenhof kaj Esperanto por via demando-ludo (kvizo)!**
**Sendu al ni raporton pri via festado!**



## Konkurs-rezultoj

Pro bona solvo de la malkovriga krucenigmo en 94/1 la 11-jara Sonia Bobillier el Charquemont, Francio gajnos trian kajeron de *Tendaraj tagoj*.

La konkurso de la 18 kaŝitaj urboj rezultas en jenaj premiitoj: Jana Slepĉenko, Kurgono, Rusio; Farkas Nimrod, Oradea kaj la grupo de Irene Szücs en Oradea, Rumanio. Ili ricevos la unuan kajeron de *Tendaraj tagoj*.

Respondis bone al la tasko en *Klubo de Legantoj* en 94/2 la E-klubo en Lernejo Albert Camus en Outreau, Francio, Adela Crâncâu, Baia Mare, Rumanio, Szaák Tibor, Tatabanya, Hungario, Aleksander Kuzmiĉev, Dzerĵinsk, Rusio kaj Artur Doçi, Peskopi, Albanio. Ili ricevis premion rekte de la prizorganto de la rubriko.

La rakonto 'Fabelo de la feliĉo' aperinta en numero 94/2 bezonis pli klaran indikon de la kopirajto, laŭ la sekva formulo:

**© Copyright by Erich Kästner Erben, München.**

(Kopirajto ĉe la heredintoj de Erich Kästner, Munkeno, Germanio)

Ni pardonpetas pro la ellaso.

40 HUF (kun livero 50). **1995**: 50 kaj 60.

# Hungara Vic-prezidanto!

Kvankam la nivelo de kunlaborado kaj funkciado de publikaj servoj en Hungario lasas multon dezirinda, eksterordinara kvanto de unuopaj hungaroj tra la mondo fariĝis eminentaj. Nobel-premiitoj inkluzivas Wigner (fiziko), Hevesy (kemio), Gábor (holografio), Szent-Györgyi, Bárány, Békésy (medicino). Famaj estas Szilard kaj Teller pro nuklea fiziko. Aliaj kun-pioniris aŭ kun-inventis multon: van Neumann la komputilon, Bánki la karburetoron, Zipernovsky la transformilon, Dénes televidon — ĝis la nuntempa kubo de Rubik. Tiuj unuopaj hungaroj, plej ofte vivantaj en aliaj landoj, akiris reputacion pri ekstrema lerteco. Tial aperis ŝerco pri hungaroj ĉe rond-ira pordo. Laŭ la ŝerco, se hungaro eniros rondiran pordon malantaŭ vi, tamen tiu sukcesos eliri antaŭ vi!

La vorto *vic-* en Esperanto havas du signifojn. Unu estas linio de homoj, ekzemple atendantaj por trairi rondiran pordon. La alia estas sub-ĉefo, kiel en la vorto *vic-prezidanto*, do iusence vic-prezidanto povus signifi iun, kiu prezidas la vicojn. En la hungara, la sam-prononca vorto *vicc*, signifas *ŝerco*! Do, jen ŝerc-poemo pri hungara vic-prezidanto!

La legantoj de *Juna amiko* klare indikis per nia enketo, ke poemojn ili ne tre ŝatas. Do, mi rigore limigas min, por fermi ĉi tiun puŝ-tir-numeron, al unu tre mallonga poemo. Mi provas klarigi lingvistikan bazon por tiu rondir-porda fenomeno:




(huzni = tiri, tolni = puŝi.) smg

Hungaro ĉe rond-iro porda
Elvenos en tempo rekorda
Ĉu sorĉ' magi-fara?
Ekster l'ordinara
Direblas, ke eĉ eksterorda!

Se ni gastoj, pordon ektuŝas
Nemire, ke l'iron ni fuŝas
Legeblas sur ŝildo nur '*huzni*'
Do, en kompleta konfuz' ni
Samtempe ektiras kaj puŝas!

Plia ŝildo mistera ... rezulte
Por trovi signifon de '*tolni*'
Ni paŭzas vortaron-konsulte
Jen! Elvenas hungar' katapulte
En pli frua moment' ... ol ni!